# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 11/07/2014 Cent sepdek tria eldono 12/07/2014** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer  Provlegita de Nicole Else**




SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

En AE172 mi trovis neintencan eraron, aldonon ĉe la dekstra flanko de la paĝoj. Kiel ĝi okazis estas enigmo por mi. Mi riparis kaj se vi deziras riparitan kopion skribu al mi. Roger Springer

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html



### Ĉu eblas amikeco inter viroj kaj virinoj?

Viroj kaj virinoj ne povas esti amikoj - tiun eldiron ĉiu el ni jam foje aŭdis. Sed ĉu tio vere estas ĝusta? Kaj pri kio necesas atenti por ke tia amikeco funkciu?

Simple nur amikeco inter viroj kaj virinoj? Tio neniam funkcias! Renoma germana instituto pri demoskopio en kadro de studaĵo pri la temo amikeco enketis virojn kaj virinojn pri tiu aspekto. La rezulto de la enketo montras: Pli ol la duono de la enketitoj pridubas ke platonaj rilatoj inter viro kaj virino havas veran ŝancon. Almenaŭ se temas pri daŭra rilato. La ĉefa kialo estas ĉar iam inter ambaŭ intervenas la seksemo unu kun la alia.

Samopinias pri tio germana psikoterapiisto kaj eksperto pri amikeco: Li diras: "Se iu jam dekomence estas enamiĝinta, tiam estas malfacile, transformi tian amon al amikeco". La kaŭzo por tio estas simpla: "La amikeco estas ĉiam nur la malgranda fratino de la amo."

Ekde kiam do jam ĉe la interkonatiĝo montriĝas eĉ nur subtila erotika tensio, tiam la koncepto pri amikeco jam estas malsukcesa antaŭ ol ĝi entute estas prikonsiderata. La situacio tamen estas laŭ la eksperto tute alia, se dekomence ambaŭ vere ne havas eĉ nur minimuman seks-aminduman intereson unu pri la alia. "Se ekzistas jam amikeco okazas pli malofte ke oni enamiĝas. Oni konas la karakteron kaj la trajtojn de la alia persono tro bone ke vera enamiteco - al kiu ĉiam apartenas ankaŭ idealigo - ne aperas." Tiam funkcias ankaŭ platona amo. Aŭ ĉu ne?

Ne tute. Gravas ankoraŭ kelkaj cirkonstancoj por tio. "Por ke tio funkciu, devas esti plenumita almenaŭ unu unu el tri premisoj: La viro trovas kontenton en sia seksvivo. Ŝi ne estas lia tipo. Li povas krei proksimecon ankaŭ per konversacioj", opinias la eksperto pri amikecoj.

Kion signifas tio detale por amikecemaj viroj kaj virinoj? "Ili devas vere havi intereson unu pri la alia, ili devas aŭskulti kaj esti fidindaj. Finfine oni povus diri: Oni devas esti kapabla por interrilatoj. Amikeco postulas pli da prizorgado de la rilato ol partnereco, ĉar aperas ĉiam denove iom da distanco. Amikeco ne estas tiom memkomprenebla kiel tio validas por partnereco."




Propagandi per la fordono de la senpaga, 32 paĝa Ŝlosilo.

## Estas senpaga donaco

**Havebla ĉe Esperanto-Domo, Manly Esperanto-Klubo. Vizitu Esperanto-Domon kaj portu sufiĉe da ekzempleroj al via klubo**

PDF kopio de tiu libreto estas kunligita. Estas kopio por presistoj. Ankaŭ mi volonte sendos tiun al petantoj. Ĉar presiloj havas problemon presi amase malgrandajn libretojn, oni presas ĝin duoble sur 'DL' paperon. Poste profesia tondisto tranĉas por fari la 'A7' libretojn. Libere uzu ĝin. Roger Springer





## Ignite Sydney

(http://www.ignitesydney.com) La evento kiu enhavos Esperanton okazos la 16-an de Julio ĉe "Oxford Art Factory - 38 Oxford St Darlinghurst" La pordoj malfermiĝas je la 6-a kaj prelegoj komenciĝos je la 7-a. Kompreneble ĉiuj Esperantistoj estas invititaj. Kutime partoprenas pli ol 500 homoj. Eblas aĉeti enirbiletojn rete.

## EsperantoTV

http://www.esperantotv.net/

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

CRI online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj



## Esperanto-Domo Sidnejo

Aferkunveno je 11atm. Poste amuzkunveno kun nudeloj, manĝetoj, kafo, teo, ktp, kaj bonaj amikoj.

**Ni festos la Esperanto-tagon la 27an de julio (unu tagon malfrue) Venu!**




Esperanto-Tago alproksimiĝas !

## 27. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO. La t.n. Participoj. A.

La Participoj en Esperanto estas, pro la genio de Zamenhof, Adjektivoj. Ili uzatas nur kun verbaj radikoj, same kiel, teorie, la Sufiksoj –ebl, -ind, -end, -em, -il, -ad, -ig, kaj –iĝ, kaj ili formatas nur per la helpo de la Adjektivecaj Sufiksoj –anta, -ata, -inta, -ita, -onta, kaj –ota. La sistemo de la ses Participaj Adjektivoj baziĝas sur la simila sistemo en la malnova greka lingvo, kaj la nunaj eŭropaj lingvoj ne plu havas tian riĉan sistemon. Ili ĝenerale havas nur du Participojn, kiuj uzatas kaj kiel Adjektivoj kaj kiel Verboj. Konsekvence la Esperanta sistemo ne facile kompreneblas de eŭropanoj. Ĉi lastaj, inkluzive de D.ro Zamenhof mem, tendencas uzi la Esperantajn Participojn malĝuste kvazaŭ eŭropajn Participojn. Por bone kompreni la riĉan Esperanto-fenomenon ni dum la lernado devas komplete forgesi la eŭropajn Participojn.



(sekvota) Marcel Leereveld.

# Pri la venontaj Esperanto-programoj en 3ZZZ

Saluton,

Ekde la 14a de julio ĝis la 1a de septembro 2014 ni elsendos la verkon de Ron Gates "La Vidvino kaj la profesoro", verko originale verkita en Esperanto de aŭstralia verkisto, en nia lunda programo en 3ZZZ. Plie estas intervjuo kun Ron pri lia verko.



Melburnanoj povas ĝin aŭskulti ĉiun lundon de la 1a ĝis la 2a posttagmeze je 92.3FM.

Por la aliaj eblas aŭskulti per la reto aŭ www.3ZZZ.com.au aŭ per la arkivoj en la reto de la Melburna Societo www.melburno.org.au




Ni preterlasis iun flankon de la libro, kvankam ĝi estas interesa, tio estas la analizoj de la profesoro Patriko Nordham pri ekonomiko. Sed eblas kompensi tiun mankon per la legado de la romano. Eble ĝi troviĝas en la biblioteko de via klubo. Se ne, eblas ĝin aĉeti en la libro-servo de UEA aŭ de la Flandra Esperanto-Ligo.

Mi esperas ke vi ĝuos aŭdi la voĉojn de Joanne Johns, Heather Heldzingen, Suzanne Holton, Trevor Holton, Jim Radford, Bernie Heinze kaj Franciska Toubale.

Por kontakti la teamon jen la adreso: 3ZZZesperanto@gmail.com

Ĝojan aŭskultadon

Franciska Toubale

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

## 2014-06-26 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (15/05/2014) ĉeestis

Indrani, Kam Lee, Sandor.

Jonathan estas en Kanbero. Margaret havis komputilajn problemojn. Heather spektis teatraĵon

*** VENONTA KONGRESO EN 2015**

Melburno: 2-a ĝis la 11-a de januaro 2015.

La flugfolio estas preta. Bv elŝuti ĝin. Aliĝu. Pensu kiel VI povus kontribui.

http://aea.esperanto.org.au/congress

*** INSTRUISTO POR LA JANUARA KONGRESO**

Ankoraŭ ne fiksita.

Ni atendas respondon el Indonezio. Se ne venos, Heather kaj Esther klopodos trovi iun en

Argentino dum la UK.

* **ESK**

Kiel vi scias, ni havis/as malfacilaĵojn kun la nuna ESK.....
Joanne el Melburno finfine finpreparis la venontan numeron de ESK.
Ŝi ankaŭ pretas daŭrigi la teknikan parton de nia gazeto.
Se vi ŝatus helpi, ne hezitu kaj kontaktu nin tuj.
La venonta kunveno okazos jaŭdon, la 10-an de julio.

Kam Lee, Indrani, Sandor

# AEA kongreso 2-11 januaro 2015

## Lingva Festivalo de Sidn[redacted]2014
## la 5-an de Julio 201[redacted]

Neatendite treege sukcesa festivalo. Ĉirkaŭ 1[redacted]0 homoj ĉeestis.
Kaj 35 ĉeestis la Esperanto-sesion









‘Universal language' meets native tongues The Sydney Morning Herald 6 july
http://www.smh.com.au/nsw/universal-language-meets-native-tongues-20140705-3bfi4.html Nicole

Ankaŭ Esperanto kaj la Lingva Festivalo estis menciita ĉe SBS-radio:
http://www.sbs.com.au/yourlanguage/estonian/highlight/page/id/346398/t/What-is-Sydney-Language-Festival-/ Nicole




## Ses Semajna Esperanto-defio



Wow! Kiom impona estas la juna Terry Sycamore. Se nur ĉiuj angloparolantoj (kaj parolantoj de aliaj patro-lingvoj) povus tiel klare kaj bele prononci kaj gramatike ĝuste paroli nian komunan lingvon.
https://www.youtube.com/watch?v=YNZzI93x-38 Vera Payne

## Alia lingva festivalo

# ĉe Thebarton Senior College

Alia lingva festivalo okazis la 20-an de junio ĉe la lernejo de Sandor en Adelajdo (Thebarton Senior College)
Refoje, li sukcesis trovi studenton, kiu prezentis Esperanton. Preskaŭ 30 homoj partoprenis la prezentadon de Antonia.
43 lingvoj estis prezentitaj.
Se vi bezonas helpon starigi similan eventon en via loko, kontaktu min. Plej amike, Sandor

# FESTIVAL OF LANGUAGES




**WORLD REFUGEE DAY**

**Friday, June 20th 2014**

## 47a Konferenco de ILEI

### Vi lernas? ILEI helpas! Vi instruas? ILEI subtenas!



Pri la 47a Konferenco de ILEI en Montevideo, Urugvajo, 19an ĝis 25a de Julio 2014

La 4an de Junio 2014 la Prezidento de Urugvajo Sinjoro José Mujica sendis leteron al nia Loka Konferenca Komitato; en ĝi li deklaras, ke nia 47ª Konferenco estas “de nacia intereso”.

La 3an de Julio 2014 la direktorino de la regiona UNESKO oficejo pri sciencoj por Sud-Ameriko kaj Karibio kaj de la UNESKO oficejo por Urugvajo, Paragvajo kaj Argentino, kaj MERCOSUR, Sinjorino Lidia Brito anoncis, ke ŝi partoprenos la solenan malfermon de nia Konferenco la 21an de Julio je la 10ª horo. Plie ŝi kontribuos per parolado. Tiu grava evento okazos en la Parlamenta Domo, kie la Ĝenerala Konferenco de UNESKO aprobis la unuan Rezolucion favoran al Esperanto en la jaro 1954.

Belega bunta afiŝo ekzistas en la hispana lingvo.

Ĝis la 3a de Julio 2014 aliĝis al la Konferenco 64 personoj el 21 landoj.

Mireille Grosjean. sendis Jennifer Bishop

# Nepalaj Junaj Esperantistoj

**Tre kara kaj estimata S-ino Vera Esther Payne**

Elkorajn salutojn.




Antaŭ ol ĉio mi volas elkore danki vin pro via reago respondante mian retleteron kion mi skribis dum Majo 2014 kaj kio estis nia invito al vi pri volontula instruado de Esperanto en niaj ligitaj lernejoj en Kathmanduo kaj ankaŭ en aliaj belaj urboj de Nepalo. En Kathmanduo, du grupoj entute 120 da niaj **(mi <dekstre kun membriĝkarto de TEĴA> kaj S-ro. Nabin SUBEDI <maldekstre>, vic-ĉefo de SCHOLARS' HOME ACADEMY )** gelernantoj kiuj lernis almenaŭ bazan nivelon de Esperanto ŝatas amikiĝi internacie:

Ĉu vi bonvole povos amikigi geknabojn de via lando al Nepalaj ĉarmaj geknaboj? Ĉu vi aŭ iu el viaj bonkoraj geamikoj jam decidis vojaĝi al Nepalo kaj volontule instrui, lertigi niajn lernantojn flue konversacii en Esperanto. Se jes bonvolu informi al mi tiel frue kiel eblas en kiuj monatoj ĝi estos oportune por vi vojaĝi al Nepalo, do ni planu kaj aranĝu por vi senpagan tute oportunan loĝadon. Bonvolu skribi al mi se vi havos iajn ajn demandojn.




Bonvolu akcepti miajn elkorajn bondezirojn por vi, viaj familianoj kaj geamikoj.
Amike via

**Mian Salam SHANY**

- Internacia Ĵurnalisto
- Volontula Esperanto-Instruisto
- **Volontula Internacia Kunordiganto** ĉe Southwestern State College, Kathmandu, Filosofiska Nepal, Pri Esperanto Kursaro, Kultur-interŝanĝaj & Stud-programoj. http://www.southwestern.edu.np/
  Poŝtelefono: 00977 9843460851 Retadreso: m.s.shany@gmail.com
- **Volontula Internacia Kunordiganto & Volontula Esperanto Instruisto** ĉe **Scholars' Home Academy**, Samakhushi Marga, Samakhushi, Kathmanduo, Nepalo. http://www.shaeducation.com/
  Poŝtelefono: 00977 9843460851 Retadreso: m.s.shany@gmail.com



Mi ĵus legis artikoleton pri la danĝeroj de drinkado.
Tiu timigis min ja inferege, do mi faris gravan decidon...
Post hodiaŭ, neniom pli da legado.....

Hugh Malcolm